# KATOLIKA MONDO

9a Kolekto
No. 8

Monata Aldono:
La Juna Batalanto

Fondita
1921

Esperanto-Organo de
Internacio Katolika




Ĉefredaktoro
Pastro D-ro Joseph Dieninghoff,
religia profesoro en Apostola Gimnazio, en Köln
KUNREDAKTOROJ: Prof. Carolfi, OFM, Italujo; Kaspar Mayr, Anglujo; Prelato A. Dombrowski, Litovujo; Pastro Makara, Polujo; Prof. P. Muffang, Francujo; W. Solzbacher, Germanujo; Pastro Johano Kozma, Hungarujo.

Adreso por ĉiaj sendajoj: K. M., Köln-Lindenthal

Aperas duonmonate
15a Junio 1928

ABONO: egalvaloro de 1,80 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la ĉefadministracio aŭ ĉe la poŝtoficejo.
REKLAMO: Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,— sv. fr. — Anoncetoj po enpreso (gis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).
POŜTĈEKAJ KONTOJ: Beograd 68009. - Bruxelles 185734 - Budapest 59169 - 'sGravenhage 125537. - Köln 76105 - Paris 80061. - Praha 77396 - Roma 1/2600. - Warszawa 190972. - Wien 162473.

## La Tago de la Katolika Gazetaro en la tuta mondo.

De Metropola Katedrala Kanoniko Msgr. theol. et phil. et jur. Ildefonso Montero Diaz, Toledo (Hispanujo), direktoro de la Internacia Institucio Ora et labora, membro de la prezidantaro de IKA.

### La komenco

En Hispanujo depost 1916 la Tago de la Katolika Gazetaro estas festita ĉiujare kaj en ĉiu el la 60 hispanaj eparkioj. Ĝi okazas je la 29 junio, festo de la Sanktaj Apostoloj Petro kaj Paŭlo, por celadi la pliperfektiĝon de la katolika gazetaro per preĝo, propagando kaj monkolektoj, efektivigante centojn da preĝoj kaj komunioj, milojn da broŝuroj kaj propagandfolioj kaj krome la kolektosumon de **1. 502. 946, 42 pesetoj hispanaj**, el kiu sumo oni metis 10% en la manojn de Lia Papa Moŝto, kiel kotizo de la katolika gazetaro al la bono de Sankta Petro.

### La celo

Jam de la unua momento—kaj tion ni klare eldarolis en la numero de februaro 1916 de "La Gruzada de la Prensa" ("La Krucmilito de la Gazetaro")—ni celadis ne lasi tiun tagon limigita al unu sola nacio, sed enkonduki ĝin kiel rimedo de universala bezono ĉie, kie tiu ekzistas, t. e. en la tuta mondo. La ilo, kiun ni utiligis, por atingi tiun celon, estis programo presita en ok lingvoj: angla, ĉeĥa, franca, germana, hispana, itala, pola portugala (poste oni komencis ankaŭ la uzadon de Esperanto kaj ĝian utiligon en propagandopresaĵoj); je ĝia kapo troviĝis la kruco de Kristo ĉirkaŭita de la vortoj: Stat Crux dum volvitur Orbis" („Staras la Kruco, dum kiam turniĝas la Mondo"), kaj de ĝi en la jaro 1919 ni dissendis 5000 ekzemplerojn tra la tuta mondo.

### La rezulto

esprimiĝas en la vortoj: **de poluso al poluso.**

Sendube estis unue Portugalujo, kie nia iniciato radikiĝis.

De Portugalujo ankoraŭ en la jaro 1918 ĝi transiris al Brazilujo, kie ĝin enkondukis Lia Kardinala Moŝto Albuquerque Cavalcanti kaj kie ĝi—kiel diras "Vozes de Petropolis" — estas aranĝata kun aristokrata kaj popolara karaktero samtempe; la edzino de la Prezidanto de la Respubliko prezidas la virinan sekcion. De 1919 datas broŝuro „O Dia da Boa Imprensa. O que e. Como organisa lo" („La Tago de la Bona Gazetaro. Kio ĝi estas. Kiamaniere oni ĝin organizas"), eldonita de la „Centro da Boa Imprensa" de Brazilujo, De Brazilujo, irante similan vojon kiel la ekspedicio de Magalhães, la Gazetara Tago sukcesis transiri al Hong-Kong en Ĥinujo, kie ĝi estas solenata ĉiujare ekzakte kiel en Hispanujo. Tiu brita posedaĵo estas la propaganda centrejo en la Ekstrema Oriento, ĉar pere de ĝia revuo, kiun ni de kelkaj jaroj ricevadas, — Titolo: Religiao e Patria — la movado venis al tiuj urboj, kiuj rememorigas je la apostolaj agadoj de Sankta Franciscus Xaverius, al Kanton kaj Macao, eĉ progresante ĝis Sanghaj kaj Yokohama.

Depost 1920, t. e. la jaro sekvinta la multlingvan propagando-disvastigon, ne plu estas eble observi la evoluadon en la diversaj nacioj. Sufiĉu, ke ni rememorigas, ke en aŭgusto 1920 ni publikigis en „Ora et Labora" fotografaĵojn el 30 jurnaloj apartenantaj al 17 nacioj de Eŭropo, Azio kaj Ameriko. En tiuj gazetoj en ok lingvoj estis legeblaj artikoloj pri ta Gazetara Tago. En la jaro 1922 ni publikigis liston de 26 nacioj. Hodiaŭ estas la jenaj: Argentino, Aŭstrujo, Belgujo, Brazilujo, Britujo, Ĉeĥoslovakujo, Ĉilio, Ekvatoro, Francujo, Germanujo, Gvatemalo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Jugoslavujo, Kanado, Kolombio, Kubo, Luksemburgo, Meksiko, Nederlando, Paragvajo, Peruo, Polujo, Portugalujo, Salvatoro, Santo Domingo, Svisujo, Urugvajo, Usono, Venezuelo. Do entute nun 32 landoj. De poluso al poluso!

### La kunlaborantoj

Tutmonda raporto, kiu necesigus tutan libron, ne povas esti enfermita en malgrandan artikolon. Sed unu aferon ni ne rajtas forgesi: danki.

Al la honorindaj ĉefepiskopoj kaj episkopoj, kiel speciale al Monsinjoroj Aragone de Montevideo, Fischer-Colbrie † el Ĉeĥoslovakujo kaj Waitz el Aŭstrujo. La lasta prezentos al Lia Papa Moŝto gravan projekton pri la Gazetara Tago.

Al la naciaj prezidantoj, kiel Sanz Cerrada el Meksiko, Guilbaut el Francujo kaj Dezelić el Jugoslavujo. De ĉi tiu ni ricevis latinlingvan raporton pri liaj kolektoj en la lastaj kvar jaroj daŭre pligrandiĝantaj, el kiuj li 10% transsendas al la Vatikano.

Al la aŭtoroj de propagandolibroj, ekz. Nikodem Cieszynski el Polujo kaj Bernardo Gentilini el Ĉilio, kiu 1924 publikigis 70-paĝan broŝuron sub la titolo „La Katolika Gazetara Tago".

Al la naciaj organizaĵoj, ekz. la „National Catholic Welfare Council" de Usono, kaj al la internaciaj organizaĵoj, ekz. la „Ufficio Internazionale delle Organizzazioni Cattoliche" en Romo, al la internaciaj agentejoj, ekz. KIPA en Svisujo. al la katolikaj jurnaloj ĉiulandaj, precipe al „L'Osservatore Romano", kiu en artikolo publikigita la 13 junio 1924 skribis: **„Ŝajnas al ni, ke estas trovita eliropunkto, por definitive solvi la problemon de la katolika gazetaro."**

### La Internaciaj Kongresoj.

Propra ĉapitro estu dediĉata al Internacio Katolika (IKA), kiu en siaj kongresoj en Luxembourg (1922), Konstanz (1923) kaj Lugano (1924) ĉiam denove rekomendis al ĉiuj organizaĵoj de jurnalistoj kaj eldonistoj, agadi en la koncernataj landoj por la samtempa kaj unueca solenado de la Tago de la Katolika Gazetaro, kiel ilo, por realigi la internacian organizadon de la katolika jurnalismo. Pri tiu ampleksa temo ni parolos en alia artikolo.

### La aŭtografa letero de Pio XI-a

Kiel bonege ĉion ĉi resumas **la dialogo** - por tiel diri -, kiu por pli granda aŭtentikeco kaj por pli bone povi veni ĉien, skribe restis al ni en propramana skribo je la piedo de fotografaĵo de la Sankta Patro, kiel memoraĵo pri aŭdienco, kiun li bonvolis doni al ni en la septembro de tiu jaro!

„Plej Sankta Patro!" - ni kuraĝis skribi propramane kaj komprenoble en latina lingvo - „Mi elpetas la apostolan benon, por ke la diversaj agadolaboroj de la Internacia Institucio ‚Ora et labora' vivu kaj kresku je la gloro de Dio."

En tiel mallongaj linioj ni volis esprimi ĉion: Nia devizo: Preĝo kaj Laboro; submetiĝo al la Eklezio kaj al la papo, kies benon ni elpetas, por ke ĝi prosperigo la agadon; internacia karaktero de la institucio; harmonia varieco de nia programo (Ni estis informintaj Lian Papan Moŝton pri la Gazetara Tago, pri la IKA-Kongreso de Lugano kaj ankaŭ pri nia projekto de **internacia, multlingva radio-sendstacio** en la servo de la katolika movado). Fina celo de ĉiuj tiuj klopodoj: la gloro de Dio.

......**ut in gloria Dei vivant et crescant!**

Kaj la Sankta Patro Pio XI-a, eĉ pli lakonike kaj esprime, prenis la plumn kaj per nur tri vortoj - tri vortoj de la papo! - donacis pli multe, ol ni kuraĝis peti, propramane subskribante nian peton sur la fotografaĵo per jenaj vortoj: Vivant, crescant, floreant! Pius PP. XI. Kaj ni nur aldonu unu vorton: Amen!

# REVUO DE LA IDEOJ

**Sankta Thomas Aquinas por la ĥinoj!** — D-ro Henri Franchet per jenaj vortoj finas tre interesan artikolon pri « La ĥina moralo » (En « La Chronique Sociale de France ». Lyon, marto 1928, p. 195), en kiu li klarigas la ideojn de Konfucio kaj Mencio kaj montras iliajn belecon samtempe kun iliaj mankoj : « Kia ajn estos la estonteco, ĝi tute ne detruos tion, kio estas eterne valora en la ideotrezoroj transdonitaj al nia tempo per la antikvaj saĝuloj, kaj eble post mil jaroj la pentristoj de la kristana Ĥinujo ŝatos prezenti iun ĥinan monaĥon katolikan sidanta inter Konfucio kaj Mencio kaj triumfanta kun ili super Lao-Tse, Ĉu-Hi-kaj Karl Marx, kiel en la pentrajoj de Traini kaj Gozzoli ni vidas Sanktan Tomason de Akvino akompanata de Platon kaj Aristoteles kaj subpiediganta Averroes. Estas la devo de ĉiuj homoj plirapidigi la alvenon de tiu feliĉa momento. Estas la tasko de la kristanaj filozofoj, montri al tiu fermentanta popolo la memorojn, kiuj en ĝia glora estinteco meritas nian kaj ĝian respekton, kaj ankaŭ tion, kio en la nuna tempo devas kompletigi ilin. Konfucio estis inspirita de primitiva tradicio, kiun ni konsideras ankaŭ nia. La ĥinaj inteligentuloj ne povas, sen perfido je sia majstro, lin kontraŭstarigi en la esenco de lia doktrino al la kristanaj dogmoj, ĉar Kristo ne venis por forigi la naturan moralon, sed por ĝin plenigi, perfektigi kaj levi super ĝin mem. »

**La nacia intereso.** — Mgr. Beaupin en parolado, kiun li faris en la unuiĝo de la « Amikecoj Katolikaj al Eksterlando », i. a. elparolis jenajn atentindajn frazojn (laŭ « Revue des Amitiés Catholiques ». Paris, aprilo 1928, p. 16) : « Lasu min detrui iluzion ofte troveblan ĉe la francaj katolikoj (same ĉe katolikoj alilandaj! Red.). Multaj opinias, ke oni nur devus diri : Amu Francujon!, por ke oni ĝin amu ; aŭ ke de unu fino de la mondo ĝis la alia oni nur okupiĝas pri tio, ami aŭ ne ami Francujon. Tamen la aliaj nacioj estas unuavice atentemaj pri siaj propraj interesoj, kiel ni estas pri niaj. Se ili estas katolikaj aŭ se temas pri la katolika parto de ilia loĝantaro, estas ankaŭ nature, ke ili rigardas la Eklezion, t. e. la bezonojn ĉu de ĝia disvastigo ĉu de ĝia defendo. Do la alvokojn de la papo ili tute unuavice aŭskultas. Do tiel vi komprenas, kion ili atendas de ni : servojn por ili mem, servojn por la komuna afero. Ni efektive estos amataj tiumezure, kiel ni faros tiajn servojn, kaj ne en la sama mezuro, kiel ni konsideras nin amindaj. Ami, tio signifas voli la bonon de la aliaj. Per tiu malegoista serĉado de la Regno de Dio oni ankaŭ trovas sian propran bonon, do rajtigitan influon kaj meritltan bonfanon. »

**Laboro en la kolonioj.** — « Le Bulletin des Missions » (Saint-André, majo-junio 1928) tre interese okupiĝas pri la Belga Unuiĝo de Koloniaj Virinoj kaj speciale ĝojas pri tio, ke la Unuiĝo volas interesi siajn membrojn pri la plibonigo de la sorto de la indiĝenoj per socialaj kaj karitaj agadoj. Jen, kion ĝi skribas : « Tiu klopodo de la koloniaj rondoj de Belgujo meritas esti atentata, ĉar ĝi montras pli ekzaktan komprenon de la koloniaj respondecoj. Estas bone, rememorigi al si tiujn vortojn de la Reĝo de la Belgoj : « Ni neniam forgesu, ke la koloniigo devas trovi sian justigon en la morala progreso kaj materia bonfarto de la indiĝena loĝantaro. Ni havas respondecon al la popoloj kies regadon ni prenis. La principo de la humaneco, kaj ĝi sola, devas inspiri nian indiĝenan politikon » kaj oni povas ilin proksimigi al tiu difino de la kolonia idealo, kiun donis franca ministro : « La Deklaro de la Homrajtoj interpretita per Sankta Vincento de Paŭlo. »

**La malpermeso de la « Amici Israel » kaj la kondamno de la antisemitismo.** — Antaŭ kelkaj jaroj ni atentigis en K. M. pri la unuiĝo de la « Amikoj de Israel », kiu volis unuigi la pastrojn katolikajn, kiuj deziris agadi por la konverto de la judoj. La asocio enhavis 19 kardinalojn, 278 ĉefepiskopojn kaj episkopojn kaj preskaŭ 3 000 pastrojn. Dekreto de la Plejsupera Kongregacio de la Sankta Oficejo, aprobita per la papo la 22 marto kaj publikigita la 25 marto 1927 malfondis tiun asocion kaj riproĉas, ke « ĝi venis al agadmaniero neadaptebla al la sento de la Eklezio, al la spirito de la Sanktaj Patroj kaj eĉ al la Sankta Liturgio ». (« rationem agendi inivisse a sensu Ecclesiae, a mente SS. Patrum et ab ipsa sacra Liturgia abhorrentem »). Tuj post publikigo de tiu dekreto la sekretario de la Centra Komitato de la « Amici Israel », Pastro Van Asseldonck, adresis al la Sonkta Oficejo leteron, en kiu li en sia propra nomo kaj en la nomo de la tuta asocio sin plene submetas al la decido. La Sankta Oficejo, farante tiun decidon, kiu estis necesa pro certaj formoj kaj esprimoj de la agado de la « Amici Israel », tamen zorgis, ke oni ne falskomprenu tiun decidon kaj ne vidu en ĝi signon de iu malbonvolo kontraŭ la juda popolo. Per jenaj vortoj la dekreto kondamnas la antisemitismon : « De ĉiuj tempoj la Katolika Eklezio havis la kutimon preĝi por la juda popolo, kiu ĝis Jesuo Kristo estis la konservanto de la diaj promesoj, kaj ĝi tion faris **malgraŭ** la obstina blindiĝo, je kiu ĝi poste estas afektita, aŭ pli bone ĝuste **pro** tiu blindiĝo. En sento de simila amo la Sankta Apostola Seĝo protektis la judan popolon kontraŭ la maljustaj persekutoj, kies objekto ĝi estis. Tial **same kiel ĝi kondamnas ĉiujn ĵaluzecojn kaj rivalecojn inter la nacioj, ĝi plej energie kondamnas la malamon al la popolo iam elektita de Dio, nome tiun malamon, kiun oni hodiaŭ ĝenerale nomas antisemitismo.** » (« ita vel maxime damnat odium adversus populum olim a Deo electum, odium nempe illud, quod vulgo « antisemitismi » nomine nunc significari solet »).

# Sankta Terezio de Lisieux

## Patronino de la misioj.

La Sankta Patro respondis la deziroin de tiom da misiemuloj en la tuta mondo, donante la titolon de « Patronino de ĉiuj misioj » al la modesta Karmel-monaĥino de Lisieux. Tio estas la respondo de la Eklezio al la malgranda Terezio de la Krist-Infano, kiu brulante de apostola fervoro en simpleco skribis : « Mi ne kredas min kapabla instrui misiistojn ».

Cetere la sanktulino estis treege dezirinta forveturi al la Karmel-monaĥinejo de Saigon en Hindo-Ĥinujo, por tie oferi sin por la pastroj. Do ne estis sen motivo, ke Pio XI-a jam estis proklaminta Sanktan Terezion de Lisieux speciala patronino de la Agado de Sankta Petro Apostolo por la Indiĝena Pastraro.

La misiistoj deziris pli multe : **Msgr. Charlebois**, Oblato de Mario Senmakula, Apostola Vikario de Keewatin (Suda Kanado) iniciatis peticion al la Sankta Patro kaj ricevis por ĝi la subskribojn de 218 misiaj episkopoj. La papo ĝin respondis per dekreto de la Sankta Kongregacio de la Ritoj de la 14 decembro 1927, de kiu ni volas represi la laŭvortan tradukon :

DEKRETO

*al la eparkioj kaj apostolaj vikariejoj de la misioj.*

La disvastigo de la honorado de Sankta Terezio de la Krist-Infano en la tuta mondo manifestiĝas, kun kia ĝojosento la fideluloj de la katolika universo akceptis ŝian kanonizacion (sanktnomadon). Ĝis la plej malproksimaj kaj idolanaj regionoj la virgulino de la Karmel faligis de la ĉielo la pluvon de rozoj, kiun ŝi promesis.

Tial multnombraj episkopoj havis la konvinkon, ke eĉ multe pli riĉaj fruktoj estus kolektataj en la vinberejo de la Sinjoro, se Sankta Terezio de la Krist-Infano, kiu brulis de arda fervoro, por disvastigi la kredon kaj kies mirakla agado en la idolanaj landoj estas universale konata, estus proklamata patronino de ĉiuj misiistoj, en kiu ajn misio ili laboras. La misiaj episkopoj tial humile prezentis al Nia Tre Sankta Patro Papo Pio XI-a petojn ricevitajn el la tuta mondo, demandante, ke la plej supera apostola sankcio konfirmu iliajn komunajn dezirojn.

Do Lia Papa Moŝto laŭ la raporto de la subskribinta Kardinalo-Prefekto de la Sankta Rita Kongregacio, kun plej granda bonvolo akceptante petojn de episkopoj prezentitajn tiel grandnombre, bonvolis proklami Sanktan Terezion de la Krist-Infano speciala patronino de ĉiuj gemisiistoj, viroj kaj virinoj, kaj ankaŭ de la misioj ekzistantaj en la tuta mondo.

Ŝi fariĝas tiel ilia ĉefa patronino, same kiel Sankta Franciscus-Xaverius, kun ĉiuj rajtoj kaj privilegioj, kiujn kunportas tiu titolo.

La 14 decembro 1927.

† A. card. VICO,
Prefekto de la S. R. K.
Angelo Mariani,
Sekretario de la S. R. K.

Por saluti la novan protektantinon de la misioj, ni ĝojas represi kelkajn strofojn de latina odo verkita je ŝia honoro de indiĝena pastro de la apostola vikariejo de Uganda en Afriko :

**Nunc Angelos inter micans,**
**Apostoli Soror pluit**
**Rosas, et Indos ac Sinos**
**Afrosque Christo subjicit.**

**Adsis libens, Theresia,**
**Nobis Ugandae Clericis,**
**Ut prosequamur sedulo**
**Perfectionis tramitem.**

**Vocationes Exteris**
**In Gentibus, fac, germinent;**
**Ovile fiat unicum**
**Unusque Pastor sit Petrus.**

*

**Brilante inter la anĝeloj,**
**Fratino de la apostolo,**
**Pluvigu rozojn; hindojn, ĥinojn**
**Kaj afrikanojn kristanigu!**

**Ho, vi ĉeestu, Terezio,**
**Nin pastrojn de l'Uganda lando,**
**Ke diligente ni iradu**
**La vojon al la perfekteco!**

**En malproksimaj landoj, faru,**
**Ke multiĝu pastriĝovokoj,**
**Ke estu unu nur ŝafejo**
**Kaj Petro estu la Paŝtisto.**

# LA KATOLIKA ESPERANTO-MOVADO

## PRI UNUFORMIGO DE KATOLIKAJ PREĜOJ.

Okaze de kunveno de katolikaj esperantistoj la konversacio turniĝis al preĝoj esperant lingvaj. « Patro nia » kaj «Saluton, Maria»! Kie ni trovas la ĝustan tekson? Mi mem kunhavis la katolikan preĝlibron de P. M. prof. Carolfi (kunredaktoro de KM.) ; mia pastra kolego montris alian preĝareton « Migru kun mi », el la germana lingvo esperantigita de Francesko de Paula Clemente. Ni komparis kaj eltrovis ion surprizan : La tekstoj de « Patro nia » tute malsamaj! Kion fari? Kiun el ambau tekstoj ni elektu? Kiu estas la pli ĝusta? Oni komprenos, ke ni ne povis decidiĝi, ĉar ni ne rajtis, propraaŭtoritate proponi por ellernado tekston, kiu ne de ĉiuj estas akceptita. Plue oni nur imagu la konfuziĝon, kiam dum Esperanto-kongreso okazas esperanta diservo kun prediko, kantoj kaj preĝoj esperantaj. La unuj preĝas laŭ Carolfi, la aliaj laŭ Clemente, la ceteraj laŭ aliaj aŭtoroj. Certe respekton al la libereco! Estas ankaŭ eble, latinajn aŭ grekajn tekstojn traduki diversmaniere, sed tamen sambone. Sed por la universala uzado taŭgas nur unu sola. Aŭ ĉu la Eklezio, preĝante Gloria Patri, Pater noster, Ave Maria, Credo, uzas malsamajn tekstojn? Estas vere hontige, ke la katolika esperantistaro dum la kvindekjara daŭrado de Esperanto tiurilate ne sukcesis. Estas necesege, ke oni fine serioze ekokupiĝu pri la afero. Mi proponas, ke komitato de kelkaj laŭlingve kaj laŭteologie lertaj esperantistoj estu komisiiata, elekti el la jam ekzistantaj tekstoj la pli taŭgan respektive helpe de ili krei novan tekston. Poste ĝi estu prezentata al la lingva akademio, kiu ĝin prijuĝu kaj deklaru aŭtentika. Oportuna okazo por estiĝi la nomitan komitaton estus la nunjara IKUE.-kongreso en Tilburg.

Fundamento por elektado el la ekzistantaj tradukoj resp. por kreado de nova devus kompreneble esti la originala greka teksto kun la latina de Vulgata kaj la liturgiaj libroj de l' Eklezio. Por ilustri mian opinion, mi volas esplori la ĝisnunajn tradukojn de l' kvina peto en « Patro nia ». De ĝi mi trovis jenajn 4 tradukojn : 1) Carolfi : « Kaj pardonu al ni **ofendojn** niajn, kiel ankaŭ ni pardonas al **ofendintaj** niaj ». 2) Clemente : « Kaj pardonu al ni niajn **pekojn**, kiel ankaŭ ni pardonas al niaj **ofendintoj**. » 3) W. B. Mielck - Fr. Stephan (La evangelio Sankta Mateo, Leipzig 1906) tradukas Mtth. VI, 12 : « Kaj pardonu al ni niajn **kulpojn**, kiel ni pardonas al niaj **kulpuloj** ». 4) Brita Biblia Societo (La Sankta Biblio, Londono 1926) : « Kaj pardonu al ni niajn **ŝuldojn**, kiel ankaŭ ni pardonas al niaj **ŝuldantoj** ». Do kvar malsamaj tradukoj! La malsameco koncernas la vortojn kun grase presitaj literoj. Kiu tradukinto trafis la ĝustan? Evidente tiu, kiu la koncernatajn vortojn en la originala teksto laŭvorte kaj laŭsence reproduktis plej akurate. Do mi devas demandi la originalon. Ĝi montras la vortojn « opheilemata » (= ofendojn, pekojn, kulpojn, ŝuldojn) kaj « opheiletais » (= al ofendintoj, kulpuloj, ŝuldantoj). Kion do signifas « opheilema » (singularo de opheilemata) kaj « opheiletes » (nominativo singulara de opheiletais)? Por trovi la originan sencon, mi konsultas alian ĉapitron de l'sama evangelio, ĉap. XVIII, 23-35 ; ĝi estas la konata parabolo pri la malkompatema servisto. Tie mi legas XVIII, 24 (laŭ « La Sankta Biblio ») : « Kaj kiam li komencis la kunkalkuladon, oni alkondukis al li unu, kiu estis ŝuldanto por dek mil talentoj ». Por la vorto « ŝuldanto » havas la originalo « opheiletes ». Por la verbo « ŝuldi », kiu en la parabolo kelkfoje troviĝas, havas la greka teksto ĉiam la verbon « opheilein ».

Do rezultas, ke la greka « opheilema » samvaloras la esperantan « ŝuldon », resp. « opheiletes » estas « ŝuldanto ». Mi konkludas : El lingva vidpunkto la 4a traduko estas la plej ekzakta. Ĝi harmonias ankaŭ kun la latina teksto de Vulgata, kiu tradukas « opheilema » kaj « opheiletes » per « debitum » kaj « debitor », kies signifoj estas « ŝuldo » kaj « ŝuldantoj ». Sed la lingva vidpunkto ne sufiĉas por definitiva juĝo. Ĉar oni atentu, ke la vortoj « opheilemata » kaj « opheiletais » en « Patro nia » estas uzataj nur en metafora senco, en senco de morala ŝuldo, peko. Estus nun demando, ĉu la esperantaj vortoj « ŝuldo, ŝuldantoj » havas ankaŭ tiun metaforan sencon krom la origina. Mi konsultas la universalan vortaron kvinlingvan de Zamenhof kaj ricevas nean respondon. El ĉi tiu vidpunkto do la kvara traduko estus la plej maltaŭga, ĉar ĝi tradukas la vorton, sed ne la sencon. Restus do

## Sentencoj de l' Prioro.

XVII. KANTO DE L'EPOSO « DREIZEHNLINDEN » (DEK TRI TILIOJ) DE FRIEDRICH WILHELM WEBER.

**Eĉ se trene, pun' almarŝas,**
**Eĉ se lame, venĝo venas,**
**La ruin' de l'tur' de Babel**
**Kiel avertant' sin tenas.**

**En lunbril' migranto staras**
**Ekvidante nun malĝoje**
**Tombon kaj dezerton, kie**
**Potenculo bruis foje.**

**Liaj idoj! Priheredi**
**Konkirintojn, fat' obskura,**
**Por la filoj jam malsavo,**
**Por la nepoj sort' terura.**

**Lupoj, unu la alian**
**Kun envio rigardante,**
**La plej bonajn akirajojn**
**De l' maljuna avidante.**

**Lupoj, kiuj la maljunan**
**El kavajo ŝiras, tiras,**
**Poste unu de l' alia**
**Gorĝon en malam' disŝiras.**

**Parencaro per fratsango**
**Malhonora sin igante.**
**Ĝis la lasta murdos lastan**
**Kolerege mortaĉante.**

**Plena je kadavroj, krimoj**
**Kaj dezerta estas tero ;**
**Edda diris de luptempo,**
**Estis do profeta vero.**

**Se sovaĝe mar-ondegoj**
**Krias, Elmar, en indigno,**
**Firme man' sur direktilo,**
**Firme vid' al antaŭligno.**

**Se ventego rompis maston**
**Vian, ne riproĉmalbenu**
**Vin atentu! En trankvilan**
**Akvon gvidi ŝipon penu!**

**Ne koleru detruinton**
**Fortan de la kampoj viaj!**
**Unu juĝos : Grandaj faroj**
**Pleje estas krimoj fiaj.**

**Lasu iri la bruantojn,**
**Lasu venĝon al ĉielo,**
**Savi la animon vian,**
**Estas, Elmar, via celo!**

**Trans enigmojn abismegajn**
**Homo glitas senzorgeme,**
**Kiel sur glutejo akva**
**Dancas arane' ludeme.**

**Ĉu vi povas, ho fremdulo,**
**Diri, kial vi sur tero?**
**Kien kaj de kie vojas?**
**Kial ĉiu la sufero?**

**Ĉu vi estas pluvoguto,**
**Kiu el vaporo iĝas,**
**Kaj el la nenio supra**
**Al malsupra ŝanceliĝas?**

**Ĉu vi scias do respondon?**
**Ĉu la saĝa Thiatgrimo?**
**Ĉu parolis lia Dio ?**
**Ĉu kvietis la animo?**

**Dir' ilia nur bruado**
**Kiel de la vent', de l'ondo :**
**Per la lipoj de infano**
**Malkaŝiĝis ver' al mondo.**

**Temp' ŝanĝiĝas kaj la homoj,**
**Kun la homoj eĉ la dioj,**
**Unu restas ciam sama**
**En eterno super ĉioj.**

**Temp' ŝanĝiĝas kaj la dioj,**
**La antikvajn temp' forblovas :**
**Strange, se eĉ nur jarmilon**
**Sin tenadi ili povas.**

**Ĉu kun larmoj, kun malbenoj,**
**Ĉu kun ĝojkri' faligitaj**
**En la ardon kaj rompaĵojn**
**De altaroj profanitaj.**

**Ignorite forigante**
**El la temploj jam sen homoj,**
**Forglitante tra paŝejoj,**
**Kaŝe kiel palfantomoj.**

**Temp' ŝanĝiĝas kaj la dioj,**
**Fortflugile la spirito**
**Celas sen ripoz' penetri**
**Regnon de la nekonito.**

**Kaj la sunoj tiuregnaj**
**Nur lumigas, ne bruligas.**
**Supren gvidas; Lin unulon**
**Nekonitan konatigas.**

**Kaj kompatoriĉa amo**
**Klinas sin al la serĉanto;**
**Ĝia akvo fontas ĉie**
**Al la veron soifanto. —**

**Senespera estas volo,**
**Pasintajon revenigi.**
**Ĉu vi povas riveregon**
**Do haltigi, refluigi?**

**Ĉu la cindro povas flami?**
**Ĉu saniĝi hom' mortinta?**
**Ne, mortaj' mortajon falas,**
**Kiom estus ĝi ĉarminta. —**

**Meditant' en vesperruĝo**
**Plendu nur la revemulo,**
**Sed salutas juntagiĝon**
**Oriente bonpretulo.**

elekto inter la ceteraj. Unue oni devas eksigi la duan tradukon, ĉar ĝi tradukas la grekajn samradikajn vortojn per malsamradikaj. Do restas ankoraŭ la unua kaj la tria. La pli bona ŝajnas al mi la unua, ĉar la radiko kulp' — laŭ vortaro de Zamenhof — ne enhavas la koncepton de peko, kontraŭ al la dia leĝo.

Rezume oni povas diri : La plej taŭgaj tradukoj estas laŭlingve la lasta, laŭsence la unua. Tamen estus nerespondita demando, ĉu ne estus eble, ke analoge al la biblia kutimo lingva la esperanta kutimo lingva donus al la verbo « suldi » ankaŭ la metaforan signifon krom la origina. Ĝi ne estus la unua kaj unika kazo en Esperanto.

Mi elektis la kvinan peton de « Patro nia » kiel ekzemplon, ĉar ĉikaze plej klare montriĝas kiel la neceso de unuformigo tiel ĝia ioma malfacileco. Tial por la komitato, elektota laŭ mia propono, estas konsiderindaj nur laŭlingve kaj laŭteologie lertaj esperantistoj. Mi kuraĝus deziri, ke la propono de nekompetentulo trovu atenton de l' kompetentuloj kaj iniciatu seriozan finofaran laboron.

**K. Czech,** pastro.

* * *

**AŬSTRUJO.**

Gazeto « **Heilig Feuer** » de la Katolika Krucligo, redaktata de niaj amikoj D-ro Hloucha kaj Walter Mudrak, regule enhavas notojn pri Esperanto kaj tradukojn el Esperanto.

**Salzburg.** — La 12 februaro fondiĝis « Estonteco », grupo de AKLE (Aŭstra Katolika Ligo Esperantista). La celo de la grupo estas disvastigo de Esperanto en katolikaj rondoj. Ĉefaj iloj estas paroladoj, kursoj kaj helpado de la tuta katolika gazetaro kaj literaturo Esperantista. Ĉi tiu fondo certe estas paŝo antaŭen en Salzburga katolika Esperanto-movado.

En **Calasantinum Wien**, XV., okazis **bela Esperanto-festo** (la 15an de aprilo) kiel fino de la Esperantokurso tie gvidata de senlace por nia afero laboranta frato **Villanova.** Ĉeestis multaj personoj. Precipe oni povis saluti lian p. m. parohestron Ebner de Fünfhaŝs, rektoron Effenberger kaj genaralasistenton Burk plue reprezentanton de la lernejaj fratoj. Sro. direktoro Pokorny tre bone kaj trafe parolis pri kaj por Esperanto. Sro. **Mudrak** parolis en nomo de Katol. Unuiĝo Esp. de Wien, akcentante, ke ni katolikoj precipe uzu Esperanton kiel ilon por kontraŭbatalo kaj forigo de la ofte vere idolana nacia malamo kaj militemo. La literatura kaj muzika programo estis tre bela, speĉialan laŭdon meritas ankoraŭ la kantistoj de la preĝeja horo pro iliaj majstraj kantprezentadoj esperantlingvaj.

**BELGUJO.**

Ĉe la **Universala Kongreso de Esperanto** en Antwerpen okazos katolika diservo kun Esperanto-prediko. Detaloj ankoraŭ estos sciigataj.

**ĈEĤOSLOVAKUJO.**

**Praha.** — Prediko kaj diservo en Esperanto okazis la 22 aprilo en la preĝejo de Sankta Ursula ; predikis pastro Jan Marek el Stupno, diservis kanoniko D-ro Ant. Eltschkner, kiu fine de la meso preĝis por tutmonda paco.

**Radio-prelegoj el Praha.** — Nia kunlaboranto S-ro B. Benetka prelegis 15 kaj 19 junio el Praha pri la historio de Ĉeĥoslovakujo : De Johano Hus ĝis la elekto de reĝo Ferdinando I-a (1526). Bedaŭrinde la red. ricevis la anoncon tro malfrue, por antaŭe atentigi pri la paroladoj. Aŭskultintoj skribu al Ĉeĥoslovaka Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj en Praha II., 80 Spalena pri siaj spertoj. Ĉiu informo estas grava, se aŭtune ni volas regule prelegi en Esperanto. ĈIKE.

**Miljara datreveno de Sankta Venceslao kaj katolikaj Esperantistoj.** — Niaj ĉeĥoslovakaj amikoj klopodas bonvenigi ĉiun samideanon dum tiuj festoj en Praha. Tial jam nun preparu vin por la estonta jaro. Sankta Venceslao estas unu el la ĉefaj kolonoj de la ĉeĥoslovaka kulturo, kaj tial tiu kulturo estas kristana, kvankam multaj klopodas ĝin nuligi, sed sensukcese. Al tiuj neantoj de la kristana kulturo ni montros, ke miljaron ĝi jam daŭras en nia nacio, kaj al tiu manifestacio ni tutkore invitas la tutmondan katolikaron. Vi ĉiuj, de kia ajn lando, de kia ajn nacio, alvenu, ĝoju kun ni, estu niaj amikoj en feliĉa rememoro. Vi, kiuj per siaj antaŭuloj vidis malfeliĉan vivon de suferanta nacio, vi ĉiuj alvenu, ke oni povu diri : Jen tio estas tiu ŝafejo de nia Sinjoro, kiu per kristana amo forigas malamikajn sentojn de katolikaj koroj! Se vin interesas la jubileaj festoaranĝoj, bonvolu jam nun peti **senpagan** sendadon de regulaj informoj en Esperanto. Nura rekompenso : Ĉerpu el ili por vialanda gazetaro, notante la fonton kaj atentigante pri Esperanto. ĈIKE.

**Sankta Johano de Nepomuk.** — Se en via lando, regiono kaj loko estas iu bildo, statuo aŭ alia rememorajo pri tiu sanktulo, speciale ia literatura legendo, rakonto, poemo ktp., bonvolu informi S-ron Borivoj Benetka, **Jiĉin,** C. S. R. Elspezojn li pagos. Ne atendu, ke iu alia skribos, bonvole skribu Vi!

**GERMANUJO.**

**Breslaŭ.** — S-ro Erhard Suchan, 1-a prezidanto de la katolika Esperanto-Societo « Unueco », sendas al ni jenan leteron : « Tre estimata sinjoro profesoro! En la lasta numero de via gazeto vi skribas sub Breslaŭ, ke « Unueco povas esti konsiderata... avangardo... de la pacmovado ». Kiel nuna 1-a prezidanto de « Unueco » mi devas protesti kontraŭ tiu opinio pri la agado de nia unuiĝo. Nia sola tasko estas, disvastigi Esperanton inter la katolikoj, nenio alia... Se unuopaj membroj kunligas sian specialan politikan sintenon kun Esperanto, ili povas tion fari. Liberecon por ĉiu honesta konvinko Sed por la unuiĝo mem mi devas rifuzi la identigon al iu politika sinteno, ĉar tio kaŭzus neantaŭvideblan malutilon por la Breslaŭa katolika Esperanto-movado Mi petas, tion korekti en unu el la sekvontaj numeroj de KM.

La citita noto en « Die Menschheit » kredeble estas verkita de S-ro studkonsilisto Knopf, al kiu mi same sendas korekton. »

---

**Iom mi al vi raportis**
**Pri la pac-infano pia,**
**Kiu el ĉielo venis**
**Al la mezĝardeno nia.**

**El ĉielaj sunkasteloj,**
**Fil' de Dio kiel viro,**
**Ke je li, longpromesito,**
**Plenumiĝu profetdiro.**

**Vera Dio kun la patro**
**Kaj spirito samsubstanca,**
**Unu en triec' : mistero, —**
**Peno solvi ĝin senŝanca.**

**Filo de l'kreint' de ĉio,**
**Lum' de lumo, Di' de Dio,**
**Karniĝinta pro kompenso,**
**Ama repacig' por ĉio.**

**Kiel li, regant', heroo,**
**Prenis dek du kuraĝegajn**
**Batalantojn bravajn, firmajn,**
**Ĉiam al li fidelegajn.**

**Kiel li nun fondis regnon,**
**Kie donaciĝas graco,**
**La neniam finiĝontan**
**Aman regnon de la paco;**

**Kiel li per monstra krimo**
**Sur la kruc' senkulpe mortis,**
**Per la mort' al tuta mondo —**
**Kaj al vi la vivon portis;**

**Kiel li, la mortvenkinto,**
**Glore el la tomb' leviĝis,**
**Kaj al ĉielregno supre**
**Radiante supreniĝis;**

**Kiel li, regant' de l'mondoj,**
**Lastan tagon venos iam,**
**Al vivantoj kaj mortintoj**
**Pesos per il' justa tiam.**

**Majestege kaj pompege,**
**Alte sur ĉielnubaroj;**
**La trombon-ekkrakon mire**
**Treme aŭdos kreitaro : —**

**Tion kaj alion, kion**
**Nur malriĉe mi sciigis,**
**Nun kantisto di-benita**
**Riĉe je savintkant' igis.**

**Unu el la niaj, Elmar!**
**Ne per molaj, fremdaj tonoj,**
**Li glorinde por ni kantis**
**Per la hejmaj plenaj sonoj.**

**Ĝin aŭdante opinias**
**Esti vi en saks-arbaroj,**
**Ĉielvastaj branĉ-arkajoj,**
**Ĉielaltaj kolonaroj.**

**La birdkanto kaj bruado**
**Tiel ja al vi proksima,**
**Kvankam ŝajne nova, fremda,**
**Ĉio estas hejm-intima.**

**Komprenebla al vi ĉio,**
**Kio el mil gorĝoj fontas,**
**Komprenebla, kion arbo**
**Kaj arbust' al si rakontas;**

**Komprenebla la babilo**
**En la fontoj, riveretoj,**
**Komprenebla, kion flustras**
**Inter si la belfloretoj.**

**Klaraj antaŭ vi sin montras**
**Ĉiu de l'arbar' sekreto,**
**Solvo de demando ĉiu,**
**De l'enigmoj interpreto.**

**Kaj vi miras : ĉiuj sonoj,**
**La bruado kaj kantado**
**Sindoneme kunsonoras**
**Kiel granda Di-laŭdado.**

**En plej malproksima valo**
**Vi dezirus hejmon pian,**
**Sub la kruc' por trovi tie**
**La animan pacon vian.**

**Ĉar la dornokrono lia**
**Sendas tra la mond' radiojn,**
**Strangajn, kiuj tralumigos**
**Unuigos la naciojn. —**

**Elmar, muĝas la ventegoj**
**De l'printemp' ĉe l'montetaro ;**
**Kiam somerblovoj spiros,**
**Mi vin gvidos al arbaro.**

**Apud Mimigardefordo**
**Kverkbruad' en ega vento,**
**Jen amiko mia loĝas,**
**Kamparan' sub pajltegmento.**

**Aŭdi lin vi devas, mem vi,**
**Lin kantiston sen komparo,**
**Kiam somerblovoj spiros,**
**Iros ni al kverkegaro.**

**Elmar, se mi paroladas**
**El la plena kor' varmsenta,**
**Brilas ja la larmo via.**
**Sed vi restas mutsilenta.**

**Kie al kastel' de l'vero**
**Vi la vojon rokan trovas,**
**Dornan, hom' ja al vi montru,**
**Gvidi nur grac' Dia povas.**

**Ne saĝuloj, nur piuloj**
**Ekkonegon posediĝas;**
**Nur en preĝ', ne en cerbumo**
**Vero al vi malkaŝiĝas.**

**Por ke vidu hom', necesas,**
**Ke ĉielo malfermiĝu,**
**Kaj radi' el ĝia lumo**
**En malhelan koron iĝu.**

**Kœln.** — Nova kurso, gvidata de nia amiko, rektoro Wilbert.

**HISPANUJO.**

**Tarrasa.** — Estas fondita nova grupo ĉe katolika societo « Centro Social ».

**HUNGARUJO.**

Al Mezeŭropa Esperanto-Konferenco en Budapest sendis i. a. salutojn universitata eksrektoro papa prelato D-ro Kiss. — Hungara Esperanto-Societo elektis la katolikan parlamentanon Frühwirt honora membro.

**IRLANDO.**

Fondiĝis Irlanda Katolika Ligo Esperantista. La fondokunvenon prezidis pastro Parker. Kiel prezidanton de la Ligo oni elektis pastron H. Gaffney O. P., kiel vicprezidanton s-ron J. J. Siggins kaj Fraton Lawrence, kiel sekretarion s-ron H. Macauley.

## TRA LA ESPERANTO-MONDO

**Por la Universala Kongreso de Esperanto** en Antwerpen ĝis nun aliĝis 572 personoj : 230 angloj, laŭstraliano, 2 aŭstroj, 60 belgoj, 1 brazilano, 11 ĉehoslovakoj, 3 danoj, 1 danzigano, 2 finlandanoj, 36 francoj, 72 germanoj, 11 hispanoj, 1 hungaro, 3 irlandanoj, 8 italoj, 1 japano, 4 kroatoj, 46 nederlandanoj, 1 perso, 9 poloj, 3 Saar-teritorianoj, 48 skotoj, 6 svisoj, 12 usonanoj. Ĝis nun 24 nacioj estas reprezentataj.

**Inĝenieroj kaj teknikistoj de ĉiuj landoj.** « Tutmonda Adreslibro » de inĝenieroj, teknikistoj, kemiistoj Esperantistaj estas preparata per « Esperanta Internacia Komerca Informilo », M. Wittenberg, Berlin W. 62, Kleiststr. 31, Germ. Samprofesianoj sendu tuj siajn nomon adreson, fakon ktp. por senpaga presigo de tiuj informoj.

**I-a Internacia Esperantista Universitata Konferenco** okazos 30 julio-2 aŭgusto (antaŭ la Antverpena Kongreso) en Bruxelles. Ĝi estas kunvokata de la Franclanda Universitata Federacio kaj de la Brusela Esperantista Universita Grupo kaj celas starigon de Internacia Esp. Universitata Federacio. Delegitoj el Anglujo, Japanujo, Estonujo, Polujo, Francujo ktp. jam anoncis sin.

**Esperantista Lingva Komitato kaj Akademio.** Al L. K. estas elektitaj S-roj Muĉnik, Sabadell, Drezen, Bofil M. Granada, Ghez, de Ménil, Zwach, Uitterdijk, Sepulveda Cuadra. — **Landnomoj en Esperanto.** La Akademio decidis per 15 voĉoj kontraŭ 2, ke la solaj landnomoj, kiujn ĝi povas aprobi, estas tiuj nome montritaj en la verketo « Pri landnomoj, la sistemo de D-ro Zamenhof ».

**La sveda socialdemokrata partia kongreso** unuanime decidis postuli lernejan instruadon de Esperanto kaj samcele alvokas la tutmondan laboristaron.

**La aŭstra nacia Esperanto-Kongreso** sukcese okazis en Baden. En katolika diservo en « Hofkirche » predikis pastro Prof. D-ro Christanell. Prof. D-ro Christanell ankaŭ estas reelektita kiel vicprezidanto de Aŭstra Esperanto-Delegitaro (AEC).

**Amerika Paca Asocia** havis kunvenon en Cleveland, kaj tie la Ĉefa Biblioteko aranĝis Esp. ekspozicion.

**Esperanto en Japanujo.** Sekve de **Radio-Esperanto-kurso** en Tokio, kiun partoprenis 15.000 aŭskultantoj, la Japana Esperanto-Instituto akiris jam 200 novajn membrojn ĝis fino de januaro. La **Jurnalista Ligo de Tokio**, kiu havas ĉ. 2.000 membrojn, decidis akcepti Esperanton kiel sian oficialan lingvon eksterlanden.

**Manĉuria Esperanto-Federacio fondiĝis**, al kiu aliĝis la societoj en Mukden, Dairen kaj Kaigem.

**La hungara poŝta direkcio** akceptis S-ron poŝtan ĉefinspektoron Stef. Zöldy kiel delegiton de ILEPTO (Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtaj kaj Telegrafaj Oficistoj) en Hungarujo, oficiale decidis interrilati kun ILEPTO en Paris kaj ties Esperanto-revuo kaj sendis cirkuleron al ĉiuj Budapestaj poŝtoficejoj, ke oni oficiale kunskribu tiujn, kiuj deziras lerni Esperanton.

**Sudameriko.** Estas definitive starigita la Ĉilia Ligo Esperantista. Prezidanto estas D-ro Julio Salazar Roijers, vicprezidanto Prof. Luis E. Sepulveda Cuadra.

**Esperanto en rusa preĝejo.** En Volovo-Livenskoje dum la paska diservo la (ortodoksa) pastro legis la evangelion en Esperanto, kaj la horo kantis « Sinjoro, kompatu! » kaj la preĝon « Kristo reviviĝis ». La kantado en Esperanto estis bone akceptata de la kredantaro.

**Ĥinujo.** La jarkunveno de Ŝanhaja Esperanto-Asosio decidis instigi la registaron, efektivigi la decidon de la 11-a Eduka Konferenco, enkonduki Esperanton en ĉiu normala kaj mezlernejo kaj peti la edukministron sendi oficialan delegiton al la Universala Kongreso de Esperanto.

**Svedujo.** La naŭ kursoj de pastro Andreo Ce en Stockholm finiĝis per grandioza publika ekzameno en la koncerta domo, kiun ĉeestis ĉ. 500 personoj, inter ili multaj pedagogoj, eĉ la ĉefdirektoro de la sveda ŝtata lernejaro. Carl Lindhagen, urbestro de Stockholm faris la ĉefparoladon.

**Tutmonda Presa Ligo.** Esperantista estas fondota en la Antverpena kongreso. Interesuloj jam nun skribu pri tio al H. J. Hœn, Köln, Unter Goldschmidt 17.

**La Saksa Instruista Asocio** dum sia nunjara ĉefkunveno en Chemnitz havis sukceŝan Esperanto-fakkunsidon.

**La tramvoja direkcio de Stockholm** montris sian intereson pri Esperanto, sendante Esperantiston, kiu ne scias alian fremdan lingvon, kiel stipendiaton al Berlin, Dresden, Praha kaj Wien, por studi la tramvojajn aferojn de tiuj ĉi urboj.

**La bulgara ministro por popola instruado** per cirkulero oficiale nuligis la cirkuleron de la eksregistaro de 1920. Oni ne plu permesas al la gelernantoj de la gimnazioj la studadon kaj la kursojn de Esperanto kaj la ricevon de Esperanto-gazetoj.

**En la hungara parlamento** dum la debato de la nova budĝeto la socialistaj deputitoj Peyer kaj Kabok kaj la katolika deputito Frühwirt atentigis pri Esperanto.

**Internacia Esperanto-Muzeo** sub ŝtata protekto estas fondata en Wien.

**SAT-Kongreso en Göteborg.** Eldona Komitato de SAT skribis al la redaktejo de K. M. : « Ni dankas al vi, ke vi publikigis en n-o 5 de via organo noteton pri la nunjara SAT-kongreso en Göteborg. Sed ni devas insisti, ke vi korektu la vortojn « de la komunistaj kaj socialistaj Esperantistoj », kiuj estas tute maltrafaj, ĉar la plimulto de la membroj de SAT estas **senpartiaj** laboristoj ». — Ni volonte publikigas tiun noton, kiu celas klarigis, ke SAT ne estas **organize** ligita al iu partia aparato, tamen la tuta **tendenco** de SAT ŝajnas al ni ne pli bone esprimebla ol per la vortoj « socialista kaj komunista ».

---

**Se vi vivus eĉ cent jarojn,**
**Kiel fumo vi foriĝos. —**
**Kie vi do povas resti?**
**Ĉiu est' en Di' finiĝos.**

**Iam devas vi respondi**
**Pri la fortoj, pri la faroj,**
**Agu juste, vi juĝoto,**
**Se vi vivus dum cent jaroj.**

**Ĉar kreaj' al Dio estas,**
**Kuri for de li ne povos,**
**Vin morgaŭo do aŭ posto**
**Ĉe ĝenuoj liaj trovos.**

**Elmar, vi min malĝojigas,**
**Ni ne venas al la celo,**
**Ĉar vi aŭdas ne per koro,**
**Vi nur aŭdas per orelo.**

**Oni diras, al kampŝtonoj**
**Predikadis pastro blinda,**
**Kaj la ŝtonoj vokis Amen.**
**Muta restas vi, plorinda.**

**Ĉu de l'ondoj vi resonĝas?**
**Tie sen konsol' vi ĉasas.**
**Akvosulk' de vi plugita**
**Ne doninte fruktojn pasas.**

**Glavo ja, sed ne falĉilo**
**Sur la griza ondo klakas;**
**Nur por plaĉi vin vi kure**
**En bataltumult' atakas.**

**Pluv' sur maron, senutila;**
**Pen' plezura, vana peno;**
**La laboro ne helpanta**
**Al alia ja sen beno.**

**Se vi volas servi vin nur,**
**Al vi dankon ne alportos;**
**Vi sopiros, kaj je naŭzo,**
**Naŭzo pro vi mem, vi mortos.**

**Vi al Dio apartenas,**
**Poste al patrujo via.**
**Ĝoju vian forton, pleje**
**Havas vir' ĉe hejmo sia.**

**Vantu inter fremdaj homoj :**
**Vana via gloro tuta,**
**Se popol' silentas via;**
**Estu vi al ĝi tributa.**

**Al la hejm' patrino via,**
**Malsanino, al virino ;**
**Se vi estas brava, pagu**
**Per sang' via ĝis la fino.**

**Se vi volas for, ĉe voj' ŝi,**
**Pala almozin', sin movas,**
**Streĉas sekan manon, larme. —**
**Nu, vi nun foriri povas ».**

---

## JESAJA II, 2-4.

**Iam en la tempo estonta la monto de la domo de la Eternulo staros kiel ĉefo inter la montoj, kaj ĝi estos pli alta ol ĉiuj altajoj; kaj fluos al ĝi ĉiuj nacioj.**

**Kaj iros multaj popoloj, kaj diros : Venu, ni iru supren sur la monton de la Eternulo, al la domo de la Dio de Jakob, por ke Li instruu nin pri siaj vojoj, kaj ni iru laŭ Lia irejo ; ĉar el Cion eliros la instruo, kaj la vorto de la Eternulo el Jerusalem.**

**Kaj Li juĝos inter la nacioj, kaj Li decidos pri multaj popoloj; kaj ili forĝos el siaj glavoj plugilojn kaj el siaj lancoj rikoltilojn; ne levos nacio glavon kontraŭ nacion, kaj oni ne plu lernos militon.**

**Trad. D-ro L.-L. Zamenhof.**

---

## PSALMO 2.

**Kial tumultas popoloj,**
**Kaj gentoj pripensas vanaĵon?**
**Leviĝas reĝoj de la tero,**
**Kaj eminentuloj konsiliĝas kune,**
**Kontraŭ la Eternulo kaj kontraŭ Lia sanktoleito, [dirante:**
**Ni disŝiru iliajn ligilojn,**
**Kaj ni deĵetu de ni iliajn ŝnurojn!**

**La loĝanta en la ĉielo ridas,**
**La Sinjoro mokas ilin.**
**Tiam Li parolos al ili en Sia kolero,**
**Kaj per Sia furiozo Li ilin ektimigos, dirante :**
**Mi starigis ja Mian reĝon**
**Super Cion, Mia sankta monto.**

**Mi raportos pri la decido :**
**La Eternulo diris al mi : Vi estas mia filo,**
**Hodiaŭ mi vin naskis.**
**Petu Min, kaj Mi donos al vi popolojn por heredo,**
**Kaj por posedo limojn de tero.**
**Vi disbatos ilin per fera sceptro,**
**Kiel potan vazon vi ilin dispecigos.**

**Kaj nun, ho reĝoj, prudentiĝu;**
**Instruiĝu, juĝistoj de la tero!**
**Servu al la Eternulo kun timo,**
**Kaj ĝoju kun tremo!**
**Kisu la filon, ke Li ne koleru, kaj vi ne pereu sur la Ĉar baldaŭ ekbrulos Lia kolero. [vojo,**
**Feliĉaj estas ĉiuj, kiuj fidas Lin.**

**Trad. D-ro L.-L. Zamenhof.**

# Kongresoj internaciaj kaj de internacia intereso (Junio-Novembro 1928)

| | | |
|---|---|---|
| 25-29 junio | **Warszawa (Pol.)** | XXVI-a Internacia Paca Kongreso. Adr : Warszawa, Palac Staszica, Krakowskie Przedmiescie 72. MOKA-delegito : Kaspar Mayr, 16 Red Lion Sq., London WC 1. |
| 25-29 junio | **Warszawa (Pol.)** | Internacia Junula Konferenco. Adr : Warszawa, Jasna Ulica 19 (Federacja Akademicka). MOKA-del. Kaspar Mayr. |
| 29-31 junio | **Srem. Mitrovica (Jugosl.)** | Sudslava Esperanto-Kongreso. |
| 28 junio-3julio | **Cambridge (Brit.)** | Kongreso de la Internacia Asocio por la Studo kaj Plibonigo de Homaj Rilatoj kaj Kondiĉoj en la Industrio. Adr : I. R. I., 66 Javastraat, Den Haag, Ned. |
| 6-7 julio | **London (Brit.)** | 22-a Nacia Paca Kongreso. Temo : La anglaj-amerikaj rilatoj. Adr : Rennie Smith, M. P., 39 Victoria Street, London S. W. |
| 7-10 julio | **Kastelo Habsburg/Brugg** | Germana-Svisa Junulkunveno. |
| 13-15 julio | **Kœln (Germ.)** | 1-a Internacia Katolika Laborista Kongreso. Adr : Utrecht (Nederlando), Drift 10-12. MOKA-del. : W. Solzbacher, Honnef. |
| 14-20 julio | **Chevreuse (Franc.)** | Internacia Junultendaro. Adr : Le Trait d'Union, 73bis, Rue Bobillot, Paris, XIIIe. |
| 23 julio-1 sept. | **Boulogne s/M. et Calais (Franc.)** | Junulara Libertempa Tendaro Internacia kun kursoj. Adr : Prof. Guerin de Guer, 35 Av. des Fleurs, La Madeleine (Nord), France. |
| 23-29 julio | **Paris (Franc.)** | Sociala Semajno de la francaj katolikoj (kun eksterlandoj gastoj). Adr : 16, Rue du Plat, Lyon. |
| 25 julio-5 aŭgusto | **Chemin des Dames (Fr.)** | Internacia Junultendaro. Adr : Le Trait d'Union, 73bis, Rue Bobillot, Paris, XIIIe. |
| 27-30 julio | **Sonntagsberg (Aŭstr.)** | Internacia Konferenco de la Internacio de Militkontraŭuloj. Adr : H. Runham Brown, 11 Abbey Road, Enfield (Middlesex), Anglujo. MOKA-del : W. Solzbacher. |
| 31 julio-4 aŭg. | **Bregenz (Aŭstr.)** | VIII-a Internacia Katolika Kongreso de IKA. Adr : Msgr. Dr. Nik. Pfeiffer, Tovarna u. 3, Košice, Ĉeĥ., MOKA-del. : W. Solzbacher. |
| 31 julio-2 aŭg. | **Den Haag (Ned.)** | Interreligia Kongreso por la Paco. Adr : S-ino J. C. Isbrücker, Oostduinlaan, 32, Den Haag. |
| 30 julio-14 aŭg. | **?** | Internacia Skolta Jamboreo. |
| Aŭgusto | **Killiney/Dublin (Irlando)** | Internacia Junultendaro. Adr : British Federation of Youth, 321 Sentinel House, Southampton Row, London WC 1. |
| Aŭgusto | **Polujo** | VIII-a Internacia Demokrata Paca Kongreso. Adr : La Démocratie, 34, Bd. Raspail, Paris, VIe. |
| 5-9 aŭgusto | **Konstanz a. B. (Germ.)** | Kongreso de la Asocio de Katolikaj Akademianaj Unuigoj. Temo : La Katolika Eklezio kaj la Unueco de la Okcidento. |
| 5-12 aŭgusto | **Freusburg (Germ.)** | Mondjunulara Tendaro. Adr : Hedwig Eichbauer, Hamm/Sieg. |
| 3-10 aŭgusto | **Sandwich (Angl.)** | Internacia Junultendaro de la Frataro por Interpaciĝo. Adr : Kaspar Mayr, 16 Red Lion Sq., London WC 1. MOKA-del : Kaspar Mayr kaj D-ro Nik. Ehlen, Velbert (Germ.). |
| 6-12 aŭgusto | **Chevreuse (Franc.)** | 2-a Internacia Junultendaro. Adr : vidu supre ! |
| 3-9 aŭgusto | **Antwerpen (Belg.)** | Universala Kongreso de Esperanto kun Internacia Somera Universitato. Adr : 11 Kl. Hondstraat, Antwerpen. MOKA-del : Martin Fehr, Düren-Gürzenich (Germ.). |
| 12-15 aŭgusto | **Tilburg (Nederl.)** | Internacia Katolika Esperanto-Kongreso de IKUE. Adr : P. Verspeek, Broekhovensche Weg loo, Tilburg. MOKA-del : W. Solzbacher k. a. |
| 11-16 aŭgusto | **Kastelo Lauenstein (Germ.)** | II-a Internacia Junulara Settlement-Konferenco. Adr : Sociala Labor-Komunumo, Berlin O 17, Fruchtstr. 64-II. |
| 16-22 aŭgusto | **Kœln (Germ.)** | Internacia Gazetara Kongreso (ĉe la grandioza Internacia Gazetara Ekspozicio « Pressa »). |
| 18-23 aŭgusto | **Bad Boll (Germ.)** | Internacia Kongreso de la Packavaliroj (Chevaliers de la Paix). |
| 17-26 aŭgusto | **Ommen (Ned.)** | Mondjunulara Paca Kongreso. Adr : 431 Sentinel House, Southampton Road, London WC 1. MOKA-del : W. Solzbacher, N. Ehlen ; H. Kolvenbach, Düsseldorf, Stoffeln 23, Germ. |
| 14-19 aŭgusto | **Gœteborg (Sved.)** | Internacia Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda. Adr : SAT, 23 Rue Boyer, Paris XXe. |
| 22-24 aŭgusto | **Paris (Franc.)** | Kongreso de la Internacia Studenta Konfederacio (C. I. E.). |
| 20-25 aŭgusto | **Antwerpen (Belg.)** | Internacia Kongreso kontraŭ la Alkoholismo. Adr : Int. Oficejo kontraŭ la Alkoholismo, Avenue du Grammont, 7, Lausanne, Svis. |
| 30 aŭg.-2 sept. | **Le Locle (Svis.)** | Internacia Religia-Socialista Kongreso. Adr : Henry Andrés, arkitekto, Morges (Svis.). |
| Septembro | **Oxford (Brit.)** | Internacia Katolika Studenta Kongreso de Pax Romana. Adr : Campion Hall, Oxford. |
| Septembro | **Bruxelles (Belg.)** | Internacia Kongreso de la Kristanaj Sindikatoj. Adr : Confédération Internationale des Syndicats Chrétiennes, Utrecht (Ned.), Drift 10-12. |
| Septembro | **Kœln (Germ.)** | Kongreso de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj (kun eksterlandaj gastoj). Adr. kaj MOKA-del : Heinz Kolvenbach, Düsseldorf, Stoffeln 23. |
| 5-9 septembro | **Vinaroç (Hisp.)** | Kataluna Esperanto-Kongreso kaj Internaciaj Floraj Ludoj. Adr : Kataluna Esperantista Federacio, Carrer Valencia 245, Barcelona. |
| 6-9 septembro | **Magdeburg (Germ.)** | Germana Katolika Tago (kun eksterlandaj gastoj). |
| 26-29 sept. | **Wuerzburg (Germ.)** | Internacia Katolika Misia Kongreso. |
| 22-27 oktobro | **Den Haag (Ned.)** | Internacia Konferenco de la Ruĝa Kruco. |
| 3-6 novembro | **Paris (Franc.)** | II-a Pan Eŭropa Kongreso. Adr : Paneuropa, Wien, Hofburg, Aŭstr. MOKA-del : H. Kolvenbach. |

Krome notu la jenajn adresojn :
Mondjunularaj Migradoj. Adr : Hedwig Eichbauer, Hamm/Sieg.
Tendaroj de Eŭropa Junularo. Adr : Berlin NW 7, Dorotheenstr. 53.

**Rimarkoj.** — Ni ne povis publikigi la detalajn alvokojn kaj programojn de ĉiuj kongresoj. Kiu volas partopreni, skribu al la nomitaj adresoj aŭ al la internacia oficejo de MOKA. Ni ankoraŭ devas atentigi, ke citado de kunveno en nia listo **ne** signifas ĉiukaze **rekomendon.** Kelkajn kongresojn ni povas nur rekomendi **kun multaj rezervoj.** Ni konfidas, ke niaj geamikoj mem povos juĝi, ĉu partopreno en iu kunveno estas por ili konsilinda. Sed al **ĉiuj** niaj geamikoj ni tute speciale rekomendas la kongresojn de **Bregenz, Konstanz, Antwerpen, Tilburg kaj Ommen**

**Al demandoj** bonvolu aldoni respondkuponon !

**Bonvolu skribi** al nia oficejo, kiun kongreson vi ĉeestos. Ankaŭ skribu al tiu amiko, kiu en la kongreso, kiun vi intencas viziti, oficiale reprezentos nin ! **Mondjunularo Katolika.**

## HEINRICH FEDERER, LA RAKONTANTO

Antaŭ nelonge mortis en Svisujo la famkonata katolika verkisto en pastra vesto Heinrich Federer. Ni esperas, ke baldaŭ estos eble eldoni unu el liaj plej belaj rakontoj en Esperanto-traduko. Ni ĝojas publikigi la jenan skizon pri tu aŭtoro ĉerpanta el la plej ĉarmaj trezoroj de la popola animo. RED.

Heinrich Federer en silento preferis la fieremodestan honortitolon de vera rakontantonto al fanfaronaj nomoj. Lia rilato al la arto faras la impreson de senproblema intimeco. Li estas unu el niaj maloftaj puraj poetoj, kiu internan mondon viviĝas en figuroj, tamen dank' al akra observado ne mankiĝas la kontakton kun la realeco. Li rakontas — kaj kiel! — kaj lasas al aliaj la taskon, trovi al la rakontitaĵo lokon en la literatura historio. La jeno okazis : En la svisa « Pantheon » oni starigis lian statuon apud Keller kaj Gotthelf, kaj tiel ni nun vidas : — pastro dekstre, pastro maldekstre, kaj Keller en la mezo!

Ni ne volas troigi lian signifon. Ekzistas pli fortaj talentoj, pli grandaj artistoj ; sed malmulte da pli bonaj realigantoj de sia speco! Tion, kion Federer signifas, li signifas tute. Estas atentinde, kiel Federer al siaj ĉarmaj malgrandaj kreaĵoj ne donas la nomon de fiera artformo. Li simple nomas ilin rakontoj aŭ prefere historieroj. Neniu « novelo » kun rondigitaj membroj alpaŝas antaŭ nin, promesante al ni la produkton de ekzakte pesanta artintelekto. Federer ne malprave opinias, ke per la neĝenataj movoj de lia poezio al la nobla, sed iom malvasta festvesto de la novelo facile krevus la kungudroj.

La vigla, natureca maniero de la poeto kelkfoje treege malmulte okupiĝas pri la artregulo kaj kelkfoje plene konfidas al sia arta gardanĝelo; sed ni havas nenian kaŭzon instruiste kontraŭparoli, sed plenan kialon, por danki lin, kiu kantas libere kaj certe kiel la birdo, pro la ĝuo. Nenie estas malvarmeco, senviva formo, malplena farado. La superpleneco, kie ĝi aperas, estas kresko de natura varmo. La lingvo ne estas eĥo, sed esprimo de personeco. Majstraj rakontoj, k. e. « Der Fürchtemacher » (« La Timiganto ») pruvas, ke Federer havas lertan manon pri konciza esprimpovo — kie li volas!

En ĉi tiu mallonga provo ne estas mia tasko observi unuopajn verkojn de Federer, prefere mi volus respeguligi la figuron de la poeto en liaj kreaĵoj. Se mi en tio speciale atentas liajn malgrandajn rakontetojn, tio okazas tial, ĉar el ili lia literatura fizionomio pli malkaŝe montriĝas.

Oni reklamas la svison Federer por la hejmlanda popola arto. Jes, prave! Sed jam ĉi tie oni komencu lerni de tiu cetere tute nedidaktika poeto! Li komprenas la hejmlandon de *ĉiu* homo. Li estas tiel trapenetrita je hejma sento, ke li amoplene ĉirkaŭprenas la hejmlandon de *aliaj* homoj. Kaj ni komprenas, kial tiu hejma artisto povas, eĉ *devas* esti favorita migranto. Li pilgrimas el sia hejmlando ne en la fremdlandon, sed en la hejmlandon de aliaj; en ties amo al la hejmlando li sentas rekonita la propran hejmosenton. Li akcentas la pozitivon de ĉiu hejmlanda amo, kreanto de etikaj valoroj. En « Sisto e Sesto » li faras la hejmlandan amon rebonigo — kaj repurigomotivo je la sovaĝaj banditoj, kiuj en la plinobligo de la hejma tero volas lerni la senton pri netuŝebleco de fremdaj bono kaj rajto.

La naturo en plej vasta senco estas la bazo de la hejmosento. Esti intime radikanta en la tero — tio estas la sekreto. La sentado kun ĉio, kio en estinteco antaŭ ni kaj en estanteco apud ni kiel esenca afero kreskadis, pleniĝas la konscion je tiu ter ligiteco, kiun neniu kontraŭa vento ŝanceligas. Ĝuste tial ankaŭ la sviso en la rakontoj de Federer estas pli riĉa je tiu grado, je kiu ĉiam la filo de la montoj superas la migranton; tial neniu el liaj admiritaj vojaĝorakontetoj atingas la forton de liaj prasvisaj rakontoj, ekz. « Der Fürchtemacher » (« La Timiganto ») aŭ « Das Wunder in Holzschuhen » (« La miraklo en lignoŝuoj »). 2) — la homece vera kaj bela eco, kiun Federer ĉie serĉas, ne povas malhavi tiun sopiron : la sopiron de la migranto al ĝuste tiu parto de la propra persono, kiun la nesenradikigita homo relasas en la hejmlando. La revo de la animo pri la transmonda perfekteco havas sian teran simbolon en la hejmo... (Finota).

# La laborista Kunveno

De *Fr. W. Foerster*, trad. W. Solzbacher.

(El la libro « Christus und das menschliche Leben » (« Kristo kaj la homa vivo »), ĉapitro « Kristo kaj la klasbatalo »).

En granda urbo eksplodis laborista revolucio. Post furioza batalo la militistaro venkis; pli ol dumil laboristoj mortigite kuŝis sur la stratoj, multaj poste estas pafmortigitaj laŭ kondamno de la militista tribunalo; la vidvinoj kaj orfoj plendoploradis. — De tiam regis perfekta ekstera trankvilo, la mortintoj ŝajnis forgesitaj, siringo floradis sur la tombejoj, malnovaj bonaj tempoj de paca kunlaborado ŝajnis reveni. Kiam en novembro la unua neĝo estis falinta, okazis laborista kunveno kun parolado pri la klasbatalo. Ŝuisto en ĝi pledis por la interpaciĝo de la klasoj. Li klarigis, ke tiu, kiu deziras la internacian pacon, devas ankaŭ voli la pacon inter la klasoj. La eterna plendado kaj kritikado, malamado kaj armado estas ankaŭ plene nepraktika kaj fine batas la popolon eĉ pli ol la burĝaron.

Kiam tiu parolanto estis fininta, leviĝis juna homo kun pasiaj trajtoj kaj kun tremanta voĉo kriegis en la maron de la kapoj aŭskultantaj : « Kamaradoj! Tio, kion ni ĵus aŭdis, ja estas la plej malbona senkaraktereco. Tio ankaŭ ne estas kristanismo, ĉar la kristanismo estas la amo daŭranta ĝis trans la morto kaj la tombo; sed la parolinto ne havas amon por niaj fratoj kaj fratinoj mortpafitaj, ilian ekzekutadon li same rapide forgesis kiel la ekzekutistoj; kamaradoj, kiu ĉeestis kaj vidis, kiel oni tie fimortigis pro la teruro, tiu scias sufiĉe por ĉiuj tempoj; tie oni vidis, kiel nia vivo estas estimata, tie oni eĉ ne respektis plorantajn virinojn kaj infanojn. Kamaradoj, ĉiu, kiu travivis tion kaj havas eĉ nur fajrereton da amo por la popolo, tiu devas malami kaj promesi venĝon, tiom longe, ke koro frapas en lia brusto. Kiu el ni iam povus forgesi tion, kion li vidis depost la tagoj de sia infaneco, kiel niaj gepatroj laboradis ĝis kurbiĝo kaj flaviĝo en la miloble malbenata filaborejo, kaj neniu demandis pri saneco aŭ libertempo aŭ ĉu oni havas vivon indan de homo, ne, oni nin ekspluatis, elpremegis kaj forĵetis. Kamaradoj, mi estus fripono kaj trompulo, se mi volus interpaciĝon kun tiu senhumaneca friponaro. Ne, mia malamo, mia arda malamo, ĝi estas mia amo por miaj fratoj, mia malamo, ĝi estas mia amo por la justeco, mia malamo, ĝi estas mia fideleco al miaj turmentitaj kaj ekspluatitaj gepatroj, mia malamo, ĝi estas mi mem, mi, la senheredigito, la forgesito, la ekspluatito, la ŝtelsenigito de juneco kaj feliĉo. Kamaradoj! pelu al la diablo la predikantojn de la interpaciĝo; kiu parolas pri la paco anstataŭ pri la venĝo, tiu estas perfidulo je si mem, je la popolo, je la homaro! »

Grandega kelkminuta aplaŭdo sekvis tiujn vortojn. Dume du kristanaj sektanoj ĉe flanka tablo interparolis pri la du paroladoj. La pli juna diris : « Estis do bone, ke almenaŭ de unu flanko la kristana vidpunkto estas defendita! » — « Kiun parolanton vi aludis? » demandis la pli maljuna. — « Nu, kompreneble la ŝuiston ».

« Vi eraras », respondis la pli maljuna, « ĝuste en la malamoparolado estas multe pli da kaŝita kristanismo ol en la pacovortoj. La ŝuisto estas nura materialisto de la interpaciĝo. Lia idearo venas nek el la profundo nek el la alto. Pacigi rajtas nur tiu, kiu komprenas la malamon ĝis ĝiaj plej profundaj fundamentoj — kaj kiu tamen sentas, ke la ektimo de la homo antaŭ la homo ne povas esti la lasta vorto de ĉi tiu tera vivo. Sed la ŝuisto parolas pri la paco, ne komprenante la gigantajn rajtojn de la milito. Li tute ne vidas la terurajn kontrastojn de la vivo, ne la abisman diferencon inter bono kaj malbono, nobleco kaj malico, li ne konas la furiozan koleron al la malvarma venka maljusteco, ne konas la tutan emociigan realecon kaj necesecon de homa disigiteco, li volas fabriki agrablan unuecon, tiel kiel li kunkudras la du duonojn de siaj botoj sur la plando. Tamen tia leda interpaciĝo neniom valoras. Mi diras al vi, tiu, kies animo ne kompate kaj kunsentante malsupreniris en la tutan inferon de la ekspluato, kiu ne kun teruro vidis, kiom al tiuj supre valoras la salajrolaboranta homa vivo, kiu ne konas la sendian fieregon kaj kormalvarmecon de la bone nutrita sinjoraro, tiu silentu pri interpaciĝo. Nur el la fajro venas la paco de Kristo, ne el la varmeto. « Mi alvenis, por ĵeti fajron sur la teron, kaj kion alian mi volas, ol ke ĝi brulu! » Kiu el tiuj du parolintoj do estas pli proksima al la fajro? »

Dum kiam la du tiel interparolis, la tintilo eksonis, en laborista jako supreniris sur la scenejon nova parolanto, kiun oni ankoraŭ en neniu kunveno estis aŭdinta. Li komencis kun fera voĉo kaj bridita mieno : « La antaŭa parolanto trafis la sentadon de mia animo — tiel parolis mia patro, tiel parolis mia avo, tiel la proletariaro de generacioj malbenas sian malbenitan laboron; jes, nia vivo al la sinjoroj ne pli valoras ol la koakso, per kiu ili hejtas siajn fornojn. Kiu tion scias kaj tiam tiel simple parolas pri interpaciĝo, tiu vere estas ŝtono kaj ne kristano. Sed unu demandon mi adresas al vi ĉiuj, kamaradoj kaj kamaradinoj, unuigitaj suferantoj de la animomortiga moderna laborsistemo. Kiam mi senspire sekvis la vortojn de mia antaŭparolanto, kiel li skizis la veran situacion, tiam je la fino streĉiĝis mia tuta estado, ĉu li nun ankaŭ prenos la grandan konkludon el ĉio, kion li en ardaj bildoj montris al viaj okuloj. Vane mi atendis la konkludon, al kiu do ĉio celadis, al kiu kriis ĉio, kion li diris, ankaŭ mia koro kriis al ĝi, el ĉiu doloro, kiun mi suferadis kaj vivadis, ankaŭ via koro kriegis al ĝi, mi scias ĝin, eĉ se vi ĝin ne scias. Kaj kia konkludo estas tio, kiun grandegan strekon li forgesis fari, kiun sumon li ne kalkulis? Li restis staranta meze en sia malamokanto, li ne sufiĉe malamis, li malamis nur la malbonon ĉe la kontraŭulo, ne ankaŭ la malbonon en ni, en mi, en si mem, li ne elparolis la savantan vorton, kiu do devis veni kiel la pluvo post la tondro. Li ne diris, ke la proletario je nenia prezo devas imiti kaj refari tion, kion li mem suferis, ne, li devas fari la ekzaktan malon de ĉio, kion la regantaj klasoj antaŭfaris.

Li devas malami la egoismon kaj la perfortemon, la klasspiriton kaj partispiriton tiel energie, ke li tute ne plu lasas ilin eniri en sian animon, sinceran modelon de la nova spirito li devas vivi en sia tuta farado kaj parolado, en la familio, en la profesio, en la organizaĵo. Tio sola povas savi la mondon. Tiu, kiu je korpo kaj animo sangas el mil vundoj, kiujn batis al li homa malmoleco kaj perforto, tiu do vere ne devas imiti kaj daŭrigi ĝuste tion, kion li ekkonis malbeno de la mondo. Ne, ni, la viktimoj de la nehumaneco kaj senpenseco, ni devas esti la portantoj de la homeco kaj plena malarmado, ni devas malarmi ankaŭ en la vortoj kaj en la programoj, nur tiel estos venĝataj niaj mortintoj, nur tiel la sensenca mizera vivo de niaj gepatroj kaj geavoj ricevas ankoraŭ homan sencon, nur tiel ni povas krei al niaj infanoj pli bonan vivon, ol ni mem havis. Kiu tion, kion mi diras, komprenas de el la interna homo, kaj kiu la malbonon en la mondo malamas tiel absolute, ke li neniel kaj nenial volas komunecon kun ĝi, tiu unu tagon tute nove komprenos la Evangelion, li subite komprenos, ke *en Kristo sola la batalo kontraŭ la malbono estas finpensita, finvolita, finrealigita*, kaj ke tial nur de la Mondsavinto povas veni la vera mondrevolucio, la vera venko de la novo kontraŭ la malnovo. Ni ĉiuj estas peze ŝarĝitaj per la antaŭhieraŭaj, infektitaj de la hieraŭaj, ekscititaj de la hodiaŭaj aferoj. — la malbona ekzemplo de la estinteco regas nian agadon kaj diktas niajn vortojn. Li sola estas eterne la nova tago de la homaro, lia ekzemplo sola nin liberigas de la estinteco kaj estanteco, li sola tial estas la vivanta celo de ĉiuj mizeruloj kaj ŝarĝitoj, la plej profunda kaj plej sincera esprimo de ilia protesto kontraŭ la realaj statoj, la sola konfidinda gvidanto en pli bonan mondon! »

# Paco en malgrandaj aferoj

La preĝo post finita tagmanĝo apenaŭ estis dissoninta, tiam je la fino de l' tablo jam aŭdiĝis intergefrata disputo. « Vi tute ne rajtas enmiksi vin en miajn aferojn, vi impertinentulo, » la pli aĝa fratino diris al la frato, kiu kompreneble furioziĝis pri tio kaj al la fratino novajn ofendojn ĵetis al la kapo. Ĝis kiam post mallonga tempo la patro sendis mirigitan rigardon al la du gefratoj, dirante al la filino : « Sed, Grenjo, kiel vi povas disputi tiel malbele ; mi pensas, ke vi estas pacamikino ! » Grenjo reenĵetis la kapon : « Jes, mi estas pacifistino, sed — estis li, kiu komencis ! »

Estis li, kiu komencis ! Ĉu tio ne estas la vorto, per kiu ankaŭ en la internacia vivo la kulpo ĉiam estas surmetata al *la alia* ? Nu, oni ja alkutimiĝis en la ĉiutaga vivo, en la malgranda rondo, kiel oni povus agi alie en la politiko ? En la internacia vivo ni indigniĝas pri tio, se ni — estas « la alia » !

Ni do estu sinceraj pri ni mem ! Ne ĉiam estas akra, ofendanta vorto, vundanta la alian kaj kaŭzanta malpacon. Fiera gesto, obstina forirado el la ĉambro aŭ frapado sur la plankon, malafabla mieno, ia bagatelo montranta nian egoismon : ĉu tio ne sufiĉas por efiki malvarmigante sur la alian, inciti lin al io simila ? Ĉar ni neniel rajtas postuli pli grandan disciplinon de aliaj ol ni mem montras ! Ofte nur tia bagatelo venigas malpacon en la familion. « Oni do ne povas ĉirkaŭiri la tutan tagon kun ridanta vizaĝo, nur zorgante, ne ĝeneti aliajn ! » Vere, ĉu oni tion ne povas ? Ridi, ne, tio ne estas necesa ; jam sufiĉas gaja, afabla mieno ; kaj — oni eĉ povas fari pli ol nur « ne ĝeneti » ! Oni povas klopodi ĝojigi aliajn ! Tio ja vere ne estas simpla en tempo, kiu jam postulas la uzon de nia tuta forto en la ekzistobatalo, kiu nur malofte lasas al la homo horon de trankvilo kaj meditado. Kiel la naturfortoj efikas blinde, senindulge, tiel multaj homoj estas nur plu forto kaj fortodisvolviĝo plej ekstrema, senindulgaj eĉ en la familio, kie ili devus elradii pacon kaj ĝojon.

Ni junulinoj kaj virinoj, kiuj vidas la pacan ideon antaŭ si kiel bela celo, ni ofte batalas ekstere en la movado kaj en la grandaj unuiĝoj kun multe da energio kaj sukceso. Sed ĉu ni ne devas hontruĝiĝi, venante en konscienca ekzameno al la rezulto, ke nia domo, nia familio, en kiu ni staras kiel edzino aŭ filino, ne estas paca, ne harmonia ? Ofte tio dependas de bagateloj ; bagateloj malproksimaj de la viro, kiu plej ofte ne havas komprenemon kaj rigardon pri tio. Ĉi tie estas la agadejo de la virino : paco en malgrandaj aferoj. Ĉi tie ĉia virino povas labori, ankaŭ tiu, kiu por la ekstera paca laboro ne trovas tempon kaj forton.

Chr. Sp. (Breslaŭ).

# Abonprezoj por la jaro 1928

| | | | |
|---|---|---|---|
| Anglujo | 4 s | Hungarujo | 4.8 Pen· |
| Argentino | 3 po | Italujo | 4 s |
| Azio | 4 s | Japanujo | 16 lir. |
| Aŭstralio | 4 s | Jugoslavujo | 60 din. |
| Aŭstrujo | 6.8 s | Latvujo | 10 lit· |
| Belgujo | 6.8 bel· | Litovujo | 4 s |
| Brazilio | 8 mr | Luksemburgo | 24 fr. |
| Bulgarujo | 120 lew. | Meksiko | 1 d. |
| Cehoslovakujo | 28 kc | Nederlando | 2·8 fl. |
| Centra Ameriko | 1 dol | Polujo | 8 Zl. |
| Danujo | 4 kr | Portugalujo | 16 esc. |
| Danzigio | 4 s | Rumanujo | 160 lei |
| Francujo | 24 fr· | Svedujo | 4 kr· |
| Germanujo | 4 RM | Svisujo | 5 fr. |
| Grekujo | 76 draĥ | Usono | 1 d. |
| Hispanujo | 6 pcs. | | |